# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

PLENUMITA 28/02/2015 Ducent sesa eldono 28/02/2015 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;



**Redaktoro Roger Springer    Provlegita de Nicole Else**



SENDATA AL 275 La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

**Pasintaj numeroj de 'A E'** http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★ ★

**Esperanto-ŝlosilo** Uzu, fordonu, semu Esperanto-semojn. EFNSK havas kopiojn.

Du pecoj de A4 papero bezonataj por presi la 32-paĝan libreton http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo



## Estontaj kompetentaj Esperantistoj

**aŭskultas la retradion (Esperantujo) ĉiun tagon**

http://esperantaretradio.blogspot.co.at/?view=magazine

**Metu la adreson en viajn preferatajn programojn kaj tage Klaku, Aŭskultu, Spertiĝu**

# 60. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO

## LA PREPOZICIOJ. D.



Ni vidis, ke post substantivo oni povas aldoni "esti" al la prepozicio: "La flago sur la monto" al "La flago estas sur la monto". En tia kazo oni povas en Esperanto eĉ ŝanĝi la prepozicion en verbon: "La flago suras la monton". Oni povas fari tion por ĉiuj prepozicioj, ekz. "La knabino enas (= estas en) la domon" kaj "La donaco poras (= estas por) mian patrinon", kaj "La tomboj malantaŭas (= estas malantaŭ) la preĝejon". La kaŭzo estas, ke la prepozicio en si mem funkcias iomete kiel verbo. Etnaj lingvoj ne faras tion, aŭ ege malofte. La Esperantistoj faras tion nur kun certaj iuj, ekz. antaŭi kaj superi kaj peri (= esti per!), sed hezitas, malĝuste, verbigi aliajn prepoziciojn.

Oni povas ankaŭ kunmeti la prepozicion kun difinanta substantivo, ekz. "sur la maro" al adjektivo, "marsura", kion oni kutime ŝanĝas, pro klareco, al "surmara", kiel en "La surmaraj ŝipoj". Tiaj kunmetoj, ne uzataj en etnaj lingvoj, estas tre popularaj en nia lingvo: "La enlandaj energifabrikoj".

Cetere oni povas ŝanĝi la prepozicion al adjektivo, "posta", al adverbo, "krome", kaj al substantivo, "la malantaŭo", kaj kun radiko aŭ afikso: "la postaĵo" kaj "La krommono".

Marcel Leereveld.

**Sendu viajn fejsbukajn Esperanto-novaĵojn ankaŭ al la Novaĵletero.**



## Novaĵoj pri la Esperanto-Doma Gastdormejo

La ĉefa rolo de la Gastdormejo estas helpi la anojn de EFNSK ĉeesti EFNSKajn kunvenojn.
per eventuala dumnokta dormloko ĉe ED post aŭ antaŭ la kunvenoj.
La **GASTDORMEJO** de EFNSK devas esti antaŭmendita de estontaj Esperantistaj gastoj.
Neniuj Esperantistoj loĝas tie aŭ proksime por helpi gastojn.
Se eble antaŭmendu almenaŭ 2 semajnojn antaŭe. Tio helpas nin prepari la gastdormejon.
Sendu ĉiujn petojn por resti ĉe la gastdormejo al la Sekretario per retmesaĝoj al:
gymea@hotmail.com; rspring@tpg.com.au; **kaj** nsw@esperanto.org.au;

# Esperanto-Domo Sidnejo




La unuan de Marto 2015 okazos la venonta kunveno

Merkredon la 25an de Feb venis Roger Springer, Ian Wylles kaj Margaret Chaldecott. Ili laboris farante necesajn taskojn.

*Inter the multaj libroj kiujn Kep Enderby donacis, estis du grand-nigraj-binditaj manuskriptoj tajpitaj kun komentoj. Ĉi tiuj ''libretoj' estis dufoje larĝaj kiel la kutima A-4 paĝoj; eble ili estis A-3 larĝaj. Ili rilatis al du libroj de la malnova Testamento, eble kopioj de antaŭpresaĵo de verko de Zamenhof. Ili ne plu estas kun liaj aliaj libroj. Ni ne povas trovi detalojn pri la multaj uzantoj de la supraj ĉambroj. Do, se vi prunteprenis ilin, ni petas ke vi redonu ilin. Margaret*



## Central Coast Esperanto Club

### Anoj kunvenas la duan dimanĉon de ĉiu monato 2ptm

The Sanctuary Cafe, Erina Heights
414 Central Coast Hwy, Erina Heights NSW 2260

La 8an de februaro, kvar kutimaj anoj de la Esperanto-Klubo de la Centra Marbordo (NSW) kaj du vizitintoj de Sydney kaj Stuttgart (per Sydney) kunvenis ĉe Sanctuary Cafe, Erina Heights. Ni parolis, interalie, pri la melburna kongreso, venonta art-ekspozicio ĉe la loka galerio kaj vizito de Rainer al Ĉinio kaj Japanio. Ni decidis alveni al la sekva kunveno kun planoj kaj ideoj pri nia programo por la jaro.

Raportis Jonathan Cooper (Mi pardonpetas pro la malfrueco de la raporto.)




En la foto (de maldekstre): Rainer Kurz, Dmitry Lushnikov, Gerry Phelan, Alan Turvey kaj Joanne Cho. (Nevidebla: Jonathan Cooper)

★★★★★★



# La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabaton. 10 a.t.m.

Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf;  Unu taso da senpaga kafo

Je la 21a de Februaro venis Eunice, John, Chris, Roger, Ian, kaj Rainer.
Poste ni ĉiuj piediris al la domo de Roger por manĝi ĉinan manĝon preparitan de Mei, kiel celebrado al la ĉina novjaro.

**libera folio**

SENDEPENDA MOVADA BULTENO

Vi estas ĉi tie: Hejmo / 2015 / **Filmo pri denaskuloj fulme disvastiĝis**

de Redakcio — Laste modifita: 2015-02-23 23:05

Okaze de la ĵusa Tago de la gepatra lingvo TEJO publikigis filmon kun intervjuoj de ses denaskaj parolantoj de Esperanto. Por la filmo estis faritaj tekstaj tradukoj en 22 lingvoj, kaj ĝi rapide disvastiĝis en sociaj retoj. Judith Meyer en sia artikolo rakontas pri la projekto.

Unuiĝintaj Nacioj deklaris la 21-an de februaro la Internacia Tago de la Gepatra Lingvo. Ĝi estas okazo varbi por lingvaj rajtoj kaj multlingveco tutmonde.

TEJO konsideras tiujn agadokampojn speciale gravaj kaj ofte defendas lingvajn rajtojn kaj multlingvecon kadre de sia agado en grupoj de neregistaraj organizoj kiel FOJE kaj IKRJO kaj dum konsultadoj de Unesko kaj Eŭropa Unio.

**Por atentigi** pri la graveco de tiuj temoj, TEJO kreis filmeton kun intervjuoj de ses denaskaj parolantoj de Esperanto. Ili parolas pri siaj propraj spertoj kiel nekonata minoritato kaj pri tio kiom helpis al ili multlingveco:

La filmeto disvastiĝis kiel fajro tra la sociaj retejoj: ene de la unuaj 24 horoj, pli ol 220 organizoj, grupoj kaj blogoj (plus nenombrebla kvanto da individuoj) disvastigis ĝin en Facebook, ĝi estis menciita 87-foje en Twitter kaj 72-foje en G+.

Ĝi disvastiĝis ankaŭ en VK kaj ĉinaj sociaj retejoj, ĉar la filmeto haveblis ne nur esperante kaj angle, sed en 22 lingvoj inkluzive de la rusa kaj ĉina. Ne eblas scii kiom da homoj spektis la filmeton ene de la sociaj retejoj, ĉar Youtube ne kalkulas tion, sed ene de Youtube mem ĝi havis pli ol 11.000 spektantojn dum la unuaj 24 horoj.

**Krome okazis** demandosesio en Reddit, en kiu 4 el la 6 denaskuloj de la filmeto respondis al demandoj de anglalingvanoj. Homoj estis vere scivolemaj: entute la diskuto ampleksas pli ol 1.200 komentojn kaj daŭre alvenas pliaj.

Pro la aktivego de la fadenoj, kiuj ricevis ĉ. 2.100 ŝatojn en Reddit entute kaj ankaŭ disvastiĝis en aliaj sociaj retejoj, homoj daŭre vidos la diskuton, daŭre trovos la ligilon al la filmeto kaj la respondojn, kaj daŭre povos aldoni demandojn dum pluraj tagoj ankoraŭ.

Dankegon al ĉiuj kunlaborintoj kaj kunlaborantoj, speciale la denaskuloj (Stela, Leo, Gunnar, Lívia, Douglas kaj Klára), mia kunproduktisto Chuck Smith, la intervjuanto kaj subtenanto Veronika Poór, kaj la dekoj da homoj kiuj kreis la subtitolojn kaj helpis disvastigi la filmeton en diversaj medioj.

**Ĉi tiu agado** montris, ke Esperanto povas fajre memdisvastiĝi, se oni nur trovas interesan temon kaj disvastigas ĝin observante la neskribitajn leĝojn de sociaj retejoj. La temo devas respondi al ekzistanta scivolemo de homoj.

Denaskuleco taŭgis, ĉar kvazaŭ ĉiuj ne-Esperantistoj ŝokiĝas kiam ili aŭdas, ke ekzistas denaskaj parolantoj de Esperanto. Ili tuj iĝas tre scivolemaj pri la afero, kaj tiam ili tute nature ekscios pri la ideo de Esperanto, la internaciaj renkontiĝoj, la kulturo, kaj tiel plu.

**Judith Meyer**

# Esperanto Language Blog

Connect with us on FacebookConnect with us on Twitter

## Esperanto: like a native (video)

http://blogs.transparent.com/esperanto/

# ESPERANTO – KIEL FAMILIA LINGVO

Personaj konatiĝoj, renkontiĝoj pere de Esperanto ofte rezultas geedziĝon...
Ĉe tiuj internaciaj geedziĝoj – sekvante la vojon de la plej facila solvo – dum iu tempo hejme oni uzas Esperanton, kaj ankaŭ la naskiĝontaj infanoj aŭtomate ellernas ĝin. Por ili Esperanto estas iuspeca **"familia komunika lingvo"** - apud la aliaj uzataj lingvoj. Tiuj infanoj kompreneble parolas la lingvon de sia loĝlando, kaj ili ofte ellernas ankaŭ la lingvojn de gepatroj.




La nocio kaj nivelo de **"familia lingvo"** ne estas la sama kiel "lingvoscio kun **gepatra** nivelo" **(= tre alta nivelo)**, ja la familia lingvo rilatas kutime nur al la persona kontaktado kaj informinterŝanĝo, tamen ĝi estas simile grava por la anoj de tiu komunumo, ja ĝi apartenas al ilia propra personeco.
La familioj uzantaj hejme Esperanton organizas eĉ ĉiujaran kunvenon, komunan feriadon. La ĉi-jara aranĝo **"Renkontiĝo de Esperanto-Familioj, REF"** okazos en la centro de Eŭropo, en Hungario, inter 15-26-a de julio, apud la urbo Esztergom.
Interesa, nova videoregistraĵo ĉe https://www.youtube.com/watch?v=UzDS2WyemBI montras intervjuon kun ses junuloj, uzantaj Esperanton en familia medio ekde sian naskiĝo. La filmeto havas subtekstigitan tradukon en 27 lingvoj.
Kiam oni rakontas pri Esperanto al eksterulo, indas doni retejan adreson kun nacilingva enhavo por eventualaj pliaj informoj.
Szilvási László www.eventoj.hu
**La mesaĝo estas verkita lige al la internacia tago de la gepatra lingvo la 21-an de februaro...**

# Pat Palmer adiaŭita kaj memorigita



# NI ADIAŬIS PAT PALMER

Pat Palmer loĝis de la pasinta julio en bela maljunula hejmo Kalyra. La 16-an de februaro ŝi devintus eniri malsanulejon por esti operaciita, sed neatendite ŝi mortis la nokton de la 15-a en la aĝo de 81 jaroj.
La funebra ceremonio por Pat okazis en Unitaria preĝejo en Osmond Tce, Norwood. De la podio adiaŭis ŝin la familianoj kaj kelkaj el la ĉeestantaj amikoj, kiuj substrekis la mildecon, afablan karakteron, grandan amon al la vivo kaj admirindan eltenemon en la malfacilaj monatoj de malsano de Pat. Multaj skribis por ŝi mesaĝojn sur la blankan kartonan ĉerkon, en kiu ŝi kuŝis enpreĝeje.
La sekvan tagon la familianoj faris memor-feston en la komunumejo de Clarence Park. Ankaŭ ĝin ĉeestis pluraj esperantistoj kaj kune kantis *La bosko fraksena* kaj *Mirinda grac'*.
Kara Pat mankos al ni ĉiuj. Sendis Katja Steele

La kantogrupo



Pat Palmer



Nu, ni ĉiuj ĝuis la semajnfinon honorante, funebrante, memorante kaj celebrante Pat.

Ni dankas ĉiujn pro la specialaj kartoj, leteroj, mesaĝoj, telefonalvokoj kaj pensoj, kiujn vi bonvole sendis al ni. Mi esperas iam respondi al tiuj multaj kaj mi promesas plusendi ilin al aliaj familianoj, kiuj ankoraŭ ne legis, vidis aŭ aŭdis ilin. Fine de ĉi tiu, iom longa, mesaĝo, troviĝos kelkaj fotoj.

Venis multaj familianoj: Petro kun sia familio, Davido kun sia familio, Jack kaj Jane, Petra, Sandor kaj mi, ni ĉiuj ĉeestis. Kaj multegaj geamikoj venis de sennombraj sferoj de la vivo de Pat. Kaj estis varmege, 40 gradoj laŭ Celcio (104 laŭ Fahrenheit) sabaton kaj dimanĉon!

La funebra ceremonio okazis en la Unitariana Preĝejo en Adelajdo. Ĝi estis belega. Estis oracioj de Graham (Sandor voĉlegis ĝin), de Petro, Davido, eĉ mi Helen, Jack kaj Sandy, membroj de la, de Pat, Unitariana kongregacio. Kantatis kvin kantoj: elektitaj de Graham, Mary (bonega kantanta amikino, kiu ludis ankaŭ la pianon por iuj) kaj ni: Kanto de Paco (Finnlandia), Vi havas amikon (de Darol King), Mirinda Graco, Jerusalemo (Rob, la pastro diris: "Ni laŭte elkriu ĉi tiun kanton por Pat). Kaj eĉ Swing Low Sweet Chariot. Voĉlegis Michael Leunig, Hugh Lofting - D-ro Dolittle (la libro, kiun Pat legis por kvietigi sin la lastan malfacilan tagon) kaj verkon de A.A. Milne, kiel ankaŭ kelkajn el la propraj verkaĵoj de Pat. La blanka ĉerko interesis, ĉar estis permesate skribi kaj desegni preskaŭ kion ajn sur ĝin. Precipe ŝiaj junaj genepoj tre ŝatis tion. Petra, Sarah, Alicia, Daniel, Azura, Vashti kaj Luka elpuŝis la ĉerkon al la ĉerkveturilo. Ni ĉiuj kantis dum ĝi forveturis.

La mortfesto okazis en la loka Komunumejo en Clarence Park de la 12-a ĝis la 16-a horo. Estis fotoalbumoj, kartoj kaj skribitaj mesaĝoj. Ankaŭ kelkaj standardoj. Luka, ŝia plej juna nepino skribis nometikedojn por ni, kiujn ni surhavis por ke ĉiu sciu kiu ni estas. Sandor estis farinta lumbildojn kun pli ol 800 bildoj pri Pat ĝuante sian vivon, familion, ĝojojn ktp. Tio memorigis min pri pasintaj tagoj kaj verŝajne ankaŭ aliajn. Pluraj stariĝis kaj dividis siajn historiojn pri Pat. Larmoj kaj ridoj, babilado ktp. Ni tostis per ŝaŭmvino, trinkis bieron, sukon, akvon kaj tasojn da teo. Ni manĝis frukton, saladon, nuksojn kaj kukojn. Kelkaj stariĝis por kantadi, Jack stariĝis kaj kantis, kaj Mary gvidis nin kantante multajn el la preferataj kantoj de Panjo. Estis ukulela dueto, kaj domristo gvidis kelkajn Esperanto-kantojn.

Kiam estis la horo por hejmeniri multaj geamikoj helpis nin viŝi, lavi, paki kaj ordigi. Tri aŭtoj da familianoj iris al la flughaveno, kie ni adiaŭis ilin.

Do, estis eĉ tre malĝojiga, riĉa, superverŝa, mirinda semajnfino.

Hieraŭ mi revenis al mia laboro en la mezo de Aŭstralio. Revenis al la ĉiutago. Iam mi trovos tempon por sorbi, pensi kaj repensi, memori, relegi, kaj provi kio okazis. Ne nur mi, sed verŝajne ankaŭ ĉiuj aliaj, kiuj partoprenis tiun memorindan semajnfinon. Dankon al vi Pat, ĉar vi estis al ni ĉiuj tiom bona ekzemplo pri tio, kiel oni plej bone vivas sian vivon.

Kun amo,

Helen (Helen Palmer)

# AEA Informas

## Aŭstralia Esperanto-Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

La venontaj Skype kunvenoj estos jaŭde 19/03, 09/04, 30/04, 21/05, 11/06, 02/07, 23/07

## 2015-02-26 AEA raportas:

Nian lastan Skype estrarkunvenon (05/02/2015) ĉeestis:
Indrani, Joanne, Jonathan kaj Sandor kaj ankaŭ Ilia el Indonezio iomete

*** VENONTA KOMUNA KONGRESO EN BANDUNG (INDONEZIO) – PASKO(MARTO) 2016**

Ilia el Indonezio raportis ke ŝi vizitis Bandung kaj vizitis la eblan kongresejon, diskutis kun la estro de la hotelo. Ŝi ankaŭ havas bonan kontakton kun la loka muzeo, kiu multe helpas la esperantistojn.
Ŝi eltrovos, kiom ni devas pagi por rezervi la lokon.
Ni ankaŭ pensu pli pri gravuloj: Mark Fettes, Yasuo Hori, aliaj ???????

*** ARĤIVO**

Indrani proponas ke ni plenigu formularon en "Volunteers NSW". Indrani sendos mesaĝon al Huigh.

*** LINGVA FESTIVALO**

Dmitry proponis ke AEA subtenu la lingvajn festivalojn kaj ke AEA estu unu el la organizantoj.
Ni konsentas principe, sed ni demandu pli da detaloj de Dmitry.

*** ESK**

La tekstoj estas pretaj. Bonvolu provlegi.
La venonta Skype estrarkunveno okazos jaŭdon, la 19-an de marto 2015, je la 19:00 (18:30)
Indrani, Joanne, Jonathan, Sandor




## Esperanto keyboard for iOS

**Esperanta Klavaro** lets you type Esperanto with ease. It includes all diacritics and it knows that you are typing Esperanto. Autocorrect won't disturb you anymore!

Works with iPhone and iPad.

Download on the App Store

### Privacy Policy

- The keyboard does not collect your input.
- The keyboard does not connect to the network.
- You don't need to enable Full Access for the keyboard to function.

### About

Esperanta Klavaro by Slava Shklyaev is based on Tasty Imitation Keyboard by Alexei Baboulevitch.

Hosted on GitHub Pages

Theme based on minimal by orderedlist

| Lokaj Aŭstraliaj Esperanto-Kluboj | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| AEA informas | xxxx | AE185 | xxxx | AE187 | xxxx | AE189 | xxxx | AE191 | xxxx | AE193 | AE194 | AE195 | AE196 | xxxx | AE198 | AE199 | AE200 | xxxx | xxxx | AE203 | xxxx | xxxx | xxxx |
| Centra-Marborda Esperanto-Klubo | xxxx | AE185 | AE186 | AE187 | xxxx | xxxx | xxxx | AE191 | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | AE206 |
| Esperanto-Federacio de Nov-Sud-Kimrio | AE184 | AE185 | xxxx | AE187 | xxxx | AE189 | AE190 | AE191 | AE192 | AE193 | AE194 | AE195 | AE196 | AE197 | xxxx | xxxx | xxxx | AE201 | AE202 | AE203 | AE204 | AE205 | AE206 |
| Esperanto en Sudaŭstralio | AE184 | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | AE189 | xxxx | AE191 | xxxx | xxxx | xxxx | AE195 | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | AE203 | xxxx | xxxx | xxxx |
| Esperanto-Federacio de Viktorio | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | AE196 | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |
| Esperanto-Ligo de Okcident-Aŭstralio | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | AE192 | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |
| Esperanto-programo de 3ZZZ Aŭstralia | xxxx | xxxx | xxxx | AE187 | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | AE192 | xxxx | xxxx | AE195 | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |
| Manlia Esperanto-Klubo | AE184 | AE185 | AE186 | xxxx | AE188 | xxxx | AE190 | xxxx | AE192 | xxxx | AE194 | xxxx | xxxx | AE197 | xxxx | xxxx | xxxx | AE201 | xxxx | xxxx | AE204 | xxxx | AE206 |
| Melburna Esperanto-Asocio | xxxx | xxxx | AE186 | xxxx | AE188 | AE189 | xxxx | AE191 | xxxx | xxxx | AE194 | xxxx | AE196 | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | AE203 | xxxx | xxxx | xxxx |
| Melburna "Meetup" Grupo | xxxx | AE185 | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | AE202 | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |
| Klubo de Noumea (Nov Kaledonio) | | | | | | | | | | | | | | | | | | | AE202 | AE203 | xxxx | xxxx | xxxx |
| Brisbana Esperanto-Kafo-Klubo | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |
| Brisbana Esperanto-Societo | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |
| Esperanto -Kafo-Klubo De Kanbero | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |
| Tasmania Esperanta Societo | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |
| Toowoomba Esperanto-Societo | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |
| Torkia Esperanto-Kafo-Klubo | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |

**"Informu AE, se estas eraro en la listo" rspring@tpg.com.au**

**"Ĉu via klubo funkcias?" Sendu informon.**

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Niaj Legantoj Komentas



★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

Kara Roger, mi dankas la alsendon de nova letero 205. Supozante, ke en Via kontinento la datoj similas al tiu de Eŭropo (nur regas aliaj horoj), mi stokis ĝin kiel AE_(2015)205_15-02-21.pdf, kvankam ĝia 1-a paĝo indikas la (malĝustan) eldondaton 21.1.2015.

Dankon! Utho

Kara Utho,

Vi pravas, mi ne ŝanĝis la monaton al Februaro. Dankon por la avizo. Amike Roger

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★